# TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

**Prezidanto** – Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A – 1041 WIEN, Aŭstrio.

**Vicprezidantoj:** Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614, RIGA – 14, ul. Ostrovskogo 4 –4.USSR.

**Tadros Megalli**, D-8387 ROSENBACH, **Untergrabandorf**, FRG.

**Ĝenerala sekretario** – Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

Sekretario-kasisto por la okcidentaj **landoj** – D-ro Dino Fabris. Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

Membro de la estraro – Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: **Ĉefredaktoro** – Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

**Redaktoroj:** Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

**Korektis:** Rumjana Georgieva

**Teknika aranĝo:** Evgeni Georgiev

**Administranto:** Verka Ŝtajner

ENHAVO DE N-RO 3 – 1986



Sur la unua kovrilpaĝo: **Monumento sur la centra placo en urbo Vraca omaĝe al Ĥristo Botev – granda bulgara naciliberiga revoluciulo, poeto kaj publicisto. En la sama urbo la 26-an de majo 1986 okazis Internacia Ĵurnalista E-Konferenco pri la „Internaciismo de Ĥristo Botev kaj nia nuntempo".**

---

**Bibliografio de Esperanto kaj Interlingvistiko**

Kunlaboru al la pretigo de kiel eble plej kompleta bibliografio de Esperanto per la sendo de specimena ekzemplero de ĉiuj viaj eldonaĵoj: libroj, gazetoj, grup-informiloj, raportoj, kongrasaĵoj, reklamiloj, ktp. Adreso: CDELI: Bibliografio de Esperanto, Biblioteko de la Urbo, Poŝtfako ·5038, CH-2300 La Chaux-de-Fonds 5, Svislando.

---

**Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj Por pli riĉenhava kaj interesa »INTERNACIA ĴURNALISTO« aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!**

## INTERNACIISMO, ĴURNALISMO, PACO

Fine de majo kj. Bulgario estis gastiganto de du internaciaj ĵurnalistaj Esperanto-aranĝoj. La 26-an de majo en urbo Vraca (Nordokcident-Bulgario) okazis Konferenco pri „La internaciismo de Ĥristo Botev kaj nia nuntempo" kaj la sekvan tagon en la situanta proksime urbeto Bjala Slatina – Renkontiĝo de redaktoroj de Esperantaj periodaĵoj el la socialismaj landoj je temo „La esperantista gazetaro serve al mondpaco". Ili trapasis sub la signo de la Internacia Jaro de Paco kaj 110-jariĝo depost la heroa pereo de Ĥristo Botev - granda bulgara naciliberiga revoluciulo, poeto kaj publicisto.

Ambaŭ iniciatojn partoprenis bulgaraj kaj alilandaj ĵurnalistoj-esperantistoj kaj kunlabarantoj de E-gazetaro, inter kiuj estis: la bulgaraj ĵurnalistoj veteranoj Ĥristo Gorov, prezidanto de Bulgara Esperantista Asocio, kaj Nikola Aleksiev, honora prezidanto de Mondpaca Esperantista Movado (MEM), d-ro Arpád Máthé (Hungario), ĉefredaktoro de „Budapeŝta Informilo", Barbara Pietrzak (Pollando), ĉefredaktoro de „Pola Esperantisto" kaj redaktoro en la E-redakcio de Radio Polonia, Manfred Arnold (GDR), reprezentanto de „Der Esperantist", Donĉo Ĥitrov (Bulgario), ĝenerala sekretario de TEĴA kaj ĉefredaktoro de „Bulgara Esperantisto", Clément Tholet (Belgio), ĝenerala sekretario de MEM, ĉefredaktoro de „Nia voko",Violin Oljanov (Bulgario), ĉefredaktoro de „Paco", Ivan Keremidĉiev-Esperov, vicprezidanto de TEĴA, ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto", redaktoroj kaj kunlaborantoj de fakaj kaj nacilingvaj bultenoj kaj eldonaĵoj, korespondantoj de tagĵurnaloj, radio kaj televido, E-aktivuloj.

La Konferencon„La internaciismo de Ĥristo Botev" per enkonduka parolado malfermis Ĥristo Gorov. Li substrekis, ke la ideoj de Ĥristo Botev pri internaciismo, homdigno kaj libero inspiras ankaŭ la laboron de esperantistoj-ĵurnalistoj.

Raporton „La internaciismo de Ĥristo Botev" faris Nikola Aleksiev. Per interesaj komparoj de ĵurnalismaj verkoj de Botev, kreitaj antaŭ pli ol 110 jaroj kun problemoj de nia nuntempo, la raportanto kaptis la atenton de la ĉeestantoj. Liaj ideoj kaj persona ekzemplo estas plu aktualaj.

Ĥristo Botev partoprenis la naciliberigan batalon por renverso de la kvinjarcenta otomana jugo kaj kreo de sendependa bulgara ŝtato kiel poeto, publicisto, redaktoro de revoluciaj ĵurnaloj kaj organizanto de la bulgara naciliberiga batalo. Li bonege scipovis kunligi problemojn de la aktuala politika momento kun pricipaj problemoj.

„La internaciismo de Ĥristo Botev – diris Nikola Aleksiev – koincidas kun la plej ĉefaj taskoj de nia nuklea epoko, kun la t.n. „nova pensmaniero". Ĝi, diktas al ĉiuj personoj kun malsamaj politikaj, religiaj, filozofiaj, kaj aliaj konceptoj, ke ili ne kontraŭstaru unuj al aliaj per siaj malsamaj starpunktoj pri duarangaj problemoj, sed agadu internacie por solvo de gigantaj taskoj rilate savon de la homaro, de la civilizacio, de la kulturo". La raporto de N.Aleksiev vekis viglan interesiĝon kaj provokis multajn eldirojn.

En raporto „La esperantista gazetaro – serve al mondpaco", verkita surbaze de la ĉiutaga praktiko de redaktado de „Bulgara Esperantisto", ties ĉefredaktoro Donĉo Ĥitrov atentigis la partoprenantojn pri la ĉefaj direktoj de la revuo. Li emfazis, ke en la nuna streĉa internacia politika situacio neniu ĵurnalisto rajtas deflankiĝi de la plej akraj kaj tiklaj problemoj.

D-ro Arpád Máthé solidariĝis kun la

starigitaj problemoj de ambaŭ raportintoj kaj detale informis pri la redaktado kaj planoj de gazeto „Budapeŝta Informilo". Li proponis interŝanĝon de paĝoj kun variaj artikoloj kaj materialoj, helpon por disvastigado de niaj E-gazetoj kaj revuoj, kunlaboradon al TEĴA, „Internacia Ĵurnalisto" kaj al nacilingvaj periodaĵoj.

Sekvis solena momento. Georgi Baberkov, prezidanto de Distrikta Komitato de Patrolanda Fronto-Vraca, per „Ora honora insigno" distingis Ivan Keremidĉiev-Esperov pro lia laboro kiel gvidanto de kulturkleriga fako de Distrikta Komitato de Patrolanda Fronto kaj ĉefredaktoro de ĵurnalo „Oteĉestven zov" (Patrolanda Voko) en Vraca dum 1945 kaj 1946, kaj Donĉo Ĥitrov pro lia kontribuo al disfloro de kulturo, ĵurnalismo kaj Esperanto en Vraca-distrikto.

La 27-an de majo en Bjala Slatina okazis Renkontiĝo de la redaktoroj de Esperantaj periodaĵoj el la socialismaj landoj je temo „La esperantista gazetaro serve al mondpaco". Junpioniroj vestitaj en naciaj kostumoj renkontis la partoprenantojn laŭ malnova bulgara popolkutimo per „pano kaj salo", antaŭ kulturdomo „Nikolaj Ĥrelkov". Vâlĉo Kamenov, vicprezidanto de Komunuma Popola Konsilantaro-Bjala Slatina, bonvenigis la gastojn.

La laborkunsidon prezidis Donĉo Ĥitrov Barbara Pietrzak parolis pri problemoj ĉe la redaktado de „Pola Esperantisto" kaj pri siaj spertoj kiel ĵurnalistino en la E-redakcio de Radio Polonia. Manfred Arnold faris konkretajn proponojn pri kontribuado per konvenaj pripacaj materialoj al E-periodaĵoj. En tiu rilato sian opinion esprimis Violin Oljanov kaj Clément Tholet. Ivan Keremidĉiev-Esperov parolis pri la signifo de TEĴA kaj pri regula kunlaborado al ties organo „IĴ".

Maria Jankova-Bojaĝieva, redaktorino en „Bulgara Esperantisto", tuŝis problemojn pri profesia majstreco kaj pri altiro de junaj esperantistoj kiel korespondantoj. Nikola Aleksiev detale parolis pri verkmaniero de porpacaj materialoj kaj pri starigo de rilatoj de ĵurnalistoj-esperantistoj el socialismaj landoj kun alilandaj kolegoj.



*A.Mathe, B.Pietrzak kaj Ĥr.Gorov (de maldekstre)*

Konklude Ĥristo Gorov alte prijuĝis la laboron de ambaŭ ĵurnalistaj aranĝoj. Li dankis al ĉiuj, kiuj aktive partoprenis la laborkunsidojn kaj emfazis la utilon de internaciaj renkontiĝoj de ĵurnalistoj-esperantistoj por pridiskuto de profesiaj problemoj, spertinterŝanĝo kaj porpacaj aktivecoj. Gorov proponis, ke oni aranĝu ĵurnalistan aranĝon ĉiun duan-trian jaron – en Bulgario aŭ en alia lando.

Do, pasis du sukcesplenaj TEĴA-iniciatoj. Ankaŭ estonte la ĵurnalistoj-esperantistoj devas aranĝi renkontiĝojn, firmigi sian organizan strukturon kaj altigi la rolon kaj kvaliton de sia organo „Internacia Ĵurnalisto" per regula, profesinivela kontribuado. Ek al laboro, karaj kolegoj!

**Evgeni GEORGIEV**

## LA ROLO DE LA KLUBAJ GAZETOJ

Internacia Esperanto-Kursejo – Pisanica (Bulgario) jam akiris vastan famon tra la mondo pro siaj trafaj aranĝoj, kiel centro de disvastigo de la E-kulturo. Tio estas tre grava kaj tre agrabla fakto, kiu konvinke atestas, ke jam tri similaj kulturaj centroj firme eniris la ĉiutagan vivon de E-kulturo: Gresillon – La Chaux-de-Fonds – Pisanica.

Kiam mi tralegis en n-ro 4/1985 tre interesan artikolon de Jordanka Todorova „Kurso de E-ĵurnalistoj", mi tuje konstatis, ke kolegoj Donĉo Ĥitrov kaj Georgi Dimov faris bravan iniciaton, malkovrintenovan branĉon, aŭ novan padon en la agadon de IEK-Pisanica, nome ĵurnalistan seminarion, do „ĵurnalistejon".

Preskaŭ samtempe min atingis alia ĵurnalista iniciato. Multaj E-kluboj kreas siajn gazetojn (revuojn, kelkaj eĉ „magazinojn") por plej reliefe prezenti kaj fiksi la kluban vivon, bonan sperton. Tiuj unuekzempleraj (aŭ kelkekzempleraj, ĉiuokazeetkvantaj) „pres-organoj" (ĉu mane skribataj aŭ tajpataj) havas siajn titolojn, ĉefredaktorojn kaj kunlaborantojn – la verkemajn klubanojn. En la kluba gazeto povas trovi lokon beletraj verkoj, diversaj artikoloj, biografioj de jubileantoj, diversaj analaj materialoj, fotoj kaj muzikaj notoj, desegnaĵoj ( plenkreskulaj kaj infanaj) kaj eĉ menciataj kinofilmoj kaj magnetofonbendoj. Ĉiukaze tiaspeca kluba revuo estas ĉiam ornamo de kluba biblioteko. Ĝi povas havi periodecon 1-, 2- foje jare (aŭ pli ofte, se tio estas bezonata).

Kaj do elstaras jena bildo. La bezono de novaj ĵurnalismaj fortoj ĉiam estas sentata kaj ĉiam pli kaj pli potenca. Estas granda kaj imperativa neceso vastigi la ĵurnalistan rondon. Kaj rigardante la realon mi vidas, ke la ĵurnalistejo en IEK – Pisanica kaj kluba gazetaktivado kvazaŭ suflorus gravan agad-sferon. Necesas kombini la ambaŭ fortojn por doni impulson al novaj kampoj por krei novajn ĵurnalistojn.

Kiuj estas la avantaĝoj de la ĵurnalistejo en IEK-Pisanica? A – altnivela gvido flanke de spertuloj; B – trejno kaj ekzerco en preparo de diversaj ĝenroj de ĵurnalismaj verkoj; C – teoria studo pri specifoj ĉiuĝenraj; D – kiel ĉiu renkonto de samprofesiaj „fakuloj" – utilaj konatiĝoj, interŝanĝo de impresoj kaj sperto, kio plivastigas la menshorizonton.

Kiuj estas la mankoj? A – epizodeco; B – mallonga tempo; C – trejno-ekzercaj verkoj sendependaj de vivbezonoj.

Kiuj estas la avantaĝoj de kluba revuo (gazeto, ĵurnalo) ? A – sistemeco; B – preparo de vivdiktataj materialoj; C – praktika uzo kaj kreo de diversaj ĝenroj kaj specoj; D – certa memstareco en kompilo kaj kunmeto de ĵurnalismaj materialoj.

Kiuj estas la mankoj? A – malgrandskalo de laboro; B – hejmeca etoso; C – ofte foresto de spertulo, foresto de gvidanto.

Sekve kiu konkludo altrudiĝas? Necesas firme unuigi ambaŭ formojn.

De unu flanko, ĉiu klubo devas krei sian kluban organon, kiu estu kaj respegulejo de laboro kaj ordigejo de materialoj, kiuj aliel dissemiĝas kaj plejparte senspure pereas. Kaj gvidiniciaton en tiu sfero devas doni antaŭ ĉio la centroj de E-kulturo: Gresillon – La-Chaux-de-Fonds – IEK – Pisanica (eĉ ili povas aranĝi regulan interŝanĝon de siaj presorganoj). Kaj ilin sekvu ĉiuj kluboj, kiuj havas forton kaj emon.

De alia flanko, la ĵurnalistejo en IEK – Pisanica povas aranĝi regulajn renkontojn kaj seminariojn de ĵurnalistoj antaŭ ĉio por

kunlaborantoj de klubgazetoj (redaktoroj, aútoroj, do ĵurnalistoj de eta formo).

Rezulte de tiaspeca kluba agado multaj interesaj beletraĵoj ne dronos en „neniecon", sed restos en klubaj bibliotekoj, por ĉiama, ĉemana helpo. Multaj interesaj analaĵoj aĝoj facile alpaŝeblaj al sciencistoj kaj historiistoj, kaj ne estos kovritaj per tavoloj de „kronologia polvo" kaj sekve por esploro ne estos necese entrepreni arkeologiajn fosojn.

**Nikolaj DANOVSKIJ**

---

**Noto de la Red.**: Bonega artikoleto pri klubgazetoj aperis en „IĴ", n-ro 4/1985. Oni nepre devas tralegi ĝin.

---

## GRAVA INTERNACIA ĴURNALISTA EVENTO: 40-JARIĜO DE IĴO

Jam pleniĝis 40 jaroj de post tiu tago, kiam ĵurnalistoj el ĉiuj landoj de la kontraúhitlera koalicio kunvenis en Kopenhago por formi Internacian Ĵurnalistan Organizaĵon (IĴO). Certe lige kun tiu dato estus bone, se oni rememorus ne nur pri la pasintaj kvardek jaroj, sed eĉ pri pli malproksima historia periodo

La unua en la vera senco de l' vorto Internacia Ĵurnalista Organizaĵo estis kreita en Antverpeno (Belgio) en 1894. La fino de l' deknaúa jarcento en multaj landoj karakteriziĝis per rapidega evoluado de la gazetaro, kiu komencis konsiderinde influi la ĝeneralan politikon. Post la unua mondmilito rimarkinde ŝanĝiĝas la objektivaj kondiĉoj por ĵurnalista laboro. Tion kaúzis ne nur ŝanĝoj sur „la merkato de novaĵoj", sed ĉefe la politikaj ŝanĝoj tra la mondo. En la internacia publika opinio ĉiam pli kaj pli formiĝas pozicio, laú kiu ĉiuj popoloj devas organizi siajn interrilatojn surbaze de egalrajteco kaj paco.

La kreita post la finiĝo de la Unua Mondmilito Ligo de Nacioj (LN) apartigis sufiĉe da atento al la problemoj de la amaskomunikiloj. Dum tiu periodo estis organizitaj tri internaciaj konferencoj de specialistoj pri la sfero de amaskomunikado. Samtempe estis kreita sub la aúspicio de LN Internacia Ĵurnalista Asocio (IĴA). En la kadro de la unua konferenco por malarmado (1932–1935) funkciis speciala komitato okupiĝanta pri la „moralaj aspektoj de la malarmado". Tiu komitato diskutis pri multaj problemoj, traktinte ankaú la rolon de la gazetaro en la afero de malarmado. Granda paŝo estis entreprenita en 1936 per la prilaboro de Internacia Konvencio pri utiligo de radio-disaúdigoj en la intereso de la paco.

Sub la frapoj de la eventoj de l' fino de la 30-aj jaroj, kiam la faŝismo plifortiĝis, la internacia kunlaborado de la ĵurnalistoj estis paralizita, samkiel ankaú la agado de la Ligo de Nacioj. La politika polarizo kaj la komenciĝinta Dua Mondmilito malhelpis la progreson en la internacia movado de ĵurnalistoj. Tio prezentis tristan kaj samtempe edifan por ni ĉiuj lecionon. La ĵurnalistoj devas havi antaúvide la realajn soci- politikajn kondiĉojn, sub kiuj realiĝas ilia agado.

En 1941 estis fondita la „Internacia Federacio de ĵurnalistoj de la aliancitaj kaj liberaj landoj" kun la celo garantii kontaktojn kaj kunlaboradon de la gazetaro de l' kontraúfaŝisma koalicio. Tuj post la finiĝo de la dua mondmilito la Federacio organizis en Kopenhago kongreson (3-9 de julio 1946), dum kiu estis establita la Internacia Ĵurnalista Organizaĵo (IĴO). Oni povas trakti IĴO ne nur kiel heredanton de la antaúe ekzistintaj ĵurnalistaj unuiĝoj, sed ankaú kiel konservanton de la vasta historia heredaĵo rilate la fortikigon

de la afero de l' paco, demokratio kaj sociala progreso. Ne hazarde la kopenhaga kongreso per sia unuanime aprobita rezolucio deklaris, ke la atingo de daŭra kaj solida internacia paco kaj sekureco estas supera celo de l' homaro kaj apelaciis al siaj membroj entrepreni ĉion por subteni la klopodojn de l' Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj rilate la fortikigon de la internacia reciproka kompreniĝo kaj kunlaborado. IĴO havis sukcesojn en altiro de novaj ĵurnalistaj landaj organizaĵoj dum sia dua kongreso. Sed baldaŭ, laŭ indiko de iuj usonaj fontoj, la usonaj ĵurnalistoj komencis saboti la agadon de IĴO paralele kun la fortikiĝo de la „malvarma milito". Fine oni kreis kiel antipodon de IĴO apartan internacian ĵurnalistan federacion por okcidentaj landoj.

Malgraŭ tio IĴO ne nur ne disfalis, sed eĉ vastigis siajn vicojn. Rezulte de la procezo de malkoloniiĝo vico da ĵurnalistaj organizaĵoj el la novliberiĝintaj landoj kaj el naciliberigaj movadoj aliĝis al IĴO. Praktike krom la cititaj organizaĵoj, en IĴO partoprenas ĉiuj eŭropaj ĵurnalistaj unuiĝoj. La okcidentaj landoj estas reprezentataj en IĴO nur de progresemaj ĵurnalistaj grupoj aŭ individuaj ĵurnalistoj. Dum ĉiuj ĉi 40 jaroj IĴO neniam perdis sian karakteron de forumo por internacia kunlaborado de demokrate pensantaj ĵurnalistoj. Ĝi daŭre restas la plej granda en la mondo organizaĵo de ĵurnalistoj, unuiganta nuntempe 200 mil kolegojn el 120 landoj.

La membroj de IĴO opinias, ke ilia agado por fortikigo de la paco kaj sekureco nun estas multe pli necesa ol antaŭ 40 jaroj. La akumulado de nuklea armilaro kaj la minaco pri ĝia transporto en la Kosmon maltrankviligas la demokratian kaj progreseman publikan opinion. La ĵurnalistoj-demokratoj eksentis kreskintan grandan bezonon batali por la universalaj valoraĵoj de l' humanismo, por estimo al similaj institutoj de la monda komunaĵo kiel la Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj. En 1983 IĴO kune kun aliaj internaciaj kaj regionaj ĵurnalistaj organizaĵoj, en kiuj membras ĝenerale 400 mil ĵurnalistoj, aprobis gravan dokumenton. Ĝi estas titolita „Internaciaj principoj de ĵurnalista profesia etiko" kaj atestas, ke la demokrataj ĵurnalistoj restas plej konsekvencaj adeptoj de la bonegaj antaŭmilitaj principoj, same de la fina Akto de Helsinkia konferenco (1975) kaj de la deklaro de Unesko pri la amaskomunikiloj.

IĴO konscias sian respondecon pri objektiva informado kaj pri la solvo de terglobaj problemoj starantaj antaŭ la homaro.

**Kaarle NORDENSTRENG,**
**prezidanto de IĴO**

## ĴURNALISTA INFORMADO PRI SUDAFRIKA RESPUBLIKO MALPERMESITA

Kiel sciate, en Sudafrika respubliko, kie regas reĝimo de rasa apartigo en plej frapanta formo, ĉiutage okazas publikaj mitingoj kaj demonstracioj de la indiĝena loĝantaro, viktimo de la blankhaŭtaj aŭtoritatoj. Oni malfacile povas kalkuli la nombron de la mortigitaj nigraj civitanoj de SAR, kiel ankaŭ de tiuj, kiuj estis arestitaj kaj senspure malaperis. La registaraj organoj simple silentas pri ili kaj donas neniajn informojn.

Al la lokaj kaj eksterlandaj ĵurnalistoj estas malpermesite viziti la protestajn demonstraciojn, foti ilin kaj publikigi informojn en la gazetoj, radio kaj televido de siaj landoj. Estas arestitaj eksterlandaj ĵurnalistoj, kiuj ne respektis tiun registarordonon. Ankaŭ al la policorganoj oni malpermesis subteni kiajn ajn kontaktojn kun ĵurnalistoj.

## UNUIGITAJ KLOPODOJ KONTRAŬ LA INFORMADA NOVKOLONIISMO

Kiam en aprilo 1963 la Tutafrika Inform-Agentejo (PANA) komencis produkti ĉiutage po 25 mil vortojn en angla, franca kaj araba lingvoj, troviĝis multaj skeptikuloj, kiuj ne profetis al ĝi daŭran ekzistadon. Oni komparis ĝin tute intence kun Associated Press (AP), United Press International (UPI), Reuter aŭ France Presse (la unuaj du produktis ĉiutage po 30 milionojn da vortoj, kaj la du lastaj - po tri milionojn).

Tamen la prognozoj de skeptikuloj ne pruvis sin ĝustaj. Ĉar sub la kreo de PANA kaŝis sin profundaj politikaj kaj socialaj kaŭzoj, kiuj reflektis la decidemon de la afrikaj ŝtatoj ekiniciati batalon kontraŭ la informatika novkoloniismo.

La ideo pri kreo de PANA aperis en 1963 dum sesio de Organizaĵo por Afrika Unueco (OAU) en Adis-Abeba (Etiopio). Tamen devis pasi ankoraŭ 15 jaroj ĝis komenciĝi ĝia realigo en la vivo. La komenco ne estis facila. En la procedo de kreo de PANA elmontriĝis diferencaj tendencoj.

Ekzemple, iuj landoj insistis, ke la estonta inform-centro havu nur klerigajn taskojn kaj limigu sian agadon en la sfero de kulturo, publika instruado kaj sporto.

Tamen tra la kontinento aŭdiĝis la demando: ĉu tio respondas al la interesoj de la afrikaj popoloj? La ekzistanta informada fluo estis nur tiu de la monopolo de kvar menciitaj okcidentaj agentejoj (AP, UPI, Reuter kaj France Presse), kiuj disvastigis en Afriko 90 procentojn de la novaĵoj. Tio influis negative al la evoluado de la sendependaj ŝtatoj – dum la retrofluo – de Afriko al Okcidento estis... centfoje pli malgranda

Rezulte en OAU oni venis al konsento krei informagentejon kun klara politika direkto. La unua sesio de la konferenco de ministroj pri informado de afrikaj ŝtatoj (en 1977 en u. Kampala) estis aprobinta deklaron pri kreo de PANA kaj la dua sesio (en 1979, Adis-Abeba) aprobis kontrakton. Ĝi estas dokumento kun granda politika signifo.

En ties enkonduko oni notas: „la landoj-membroj de OAU estas konvinkitaj, ke la informado prezentas potencan ilon en la batalo kontraŭ la koloniismo kaj ĉiuj formoj de premado, ke la amas-informiloj devas plenumi gravan rolon por starigo de nova monda inform-ordo bazita sur libereco, justeco, egaleco, paco kaj demokratio".

En la formuligon de la bazaj celoj kaj taskoj de PANA oni enmetis klaran politikan enhavon: popularigo de la agado de OAU, plifirmigo de la sendependeco, unueco kaj solidareco de la afrikaj ŝtatoj, disvastigo de plia kaj varia informado helpanta la batalon de la popoloj kontraŭ la koloniismo, imperiismo, rasismo, cionismo kaj ĉiuj formoj de ekspluatado.

Dum la 16-a konferenco en la supro de OAU, okazinta en 1979 en la ĉefurbo de Liberio – Monrovio, oni decidis, ke la ĉefstabo de PANA estu en Dakar, la ĉefurbo de Senegalo. Tiam estis formitaj kvin regionaj fakoj de PANA – en Zairo, Sudano, Niĝerio, Zambio kaj Libio. Estis fondita ankaŭ komitato de ekspertoj el Alĝerio, Maŭritanio, Niĝerio, Zairo kaj Zambio, kiu preparas programon por la agado de PANA.

Kvankam PANA komencis oficiale funkcii en julio 1980, pasis ankoraŭ tri jaroj ĝis ĝi komencis agadi plenvalore. Ĝia agado realiĝas en ekstreme komplikaj kondiĉoj.

Afriko estas laŭvorte inundata per fluoj de relaborita, intence selektita, tre ofte tendence lumigata informado. En Usono okupiĝas pri simila agado 70 inform-centroj de la Administrejo por internaciaj ligoj. Krome, la radiostacio „Voĉo de Ameriko" disvastigas semajne pli ol 150 horojn da emisioj por la afrikaj landoj. Por la

afrikaj ŝtatoj funkcias monopolaj informunuiĝoj ne dezirantaj cedi siajn poziciojn.

Kiel konate, delonge la evoluantaj landoj klopodas tiel en la kadro de UNESKO, kiel ankaŭ en regiona skalo, por starigo de nova monda informada ordo. Tio estas ekskluzive respondeca batalo por objektiva, ĝusta kaj bonintenca prilumo de la eventoj, fenomenoj kaj procesoj tra la mondo. Estas tre ĝojinde, ke sur la afrika kontinento funkcias grava komuna organo, kiu kontraŭstaras al la informada novkoloniismo.

**Kr. IVANĜIJSKI**

## LA LIBERECO DE LA GAZETARO – EN LA MALLIBEREJON!

La istambula ĉiutaga gazeto „Ĝumhuriet" publikigi informon pri la juĝprocesoj kontraŭ ĵurnalistoj kaj redaktoroj de turkaj gazetoj kaj revuoj post la 12-a de septembro 1980, kiam en Turkio estis okazigita milita puĉo.

Kiel skribas la aŭtoro de la informaĵo Ŝenol Konukĉu, kontraŭ la respondec- kaj ĉefredaktoroj de kvar ĉiutagaj gazetoj kaj dudek revuoj estis iniciatitaj 404 juĝprocesoj. Laŭ la traktitaj ĝis nun proces-dosieroj la akuzitaj ĵurnalistoj ricevis komune pli ol tri jarojn da malliberigo. Iuj el la proces-dosieroj ankoraŭ ne estas fintraktitaj. Dudek el tiuj ĵurnalistoj jam troviĝas en la malliberejoj, kvar estas juĝataj foreste kaj nur tri portempe ne estas malliberigitaj.

Estas io komuna inter tiuj 27 ĵurnalistoj, kiu funkciis kiel respondec-i aŭ ĉefredaktoroj de diferencaj laŭ sia direkto preseldonaĵoj: nome, ke ĉiuj estas kulpigitaj per standartiĝintaj por similaj procesoj esprimoj kiel ekz. „ofendo al la registaro kaj al la servoj de ŝtata sekureco", „laŭdo de komunismo", „instigado al krimagoj" k.s.

Laŭ la informaĵo de „Ĝumhuriet", „rekordisto" inter la verdiktitaj estas Veli Jalmaz, kiu estis de 1977 ĝis 1980 ĉefredaktoro de du revuoj. Pro diversaj publikaĵoj en tiuj revuoj dum tiu ĉi periodo, kontraŭ Jalmaz estis iniciatitaj 70 proces-dosieroj kaj li estis ricevinta verdiktojn je ĝenerala sumo de ...mil cent sepdek jaroj da malliberigo. Poste la verdiktoj estis sumitaj ĝenerale je 36 jaroj da malliberigo, post kiu li devas dum 12 jaroj devige translоĝiĝi en urbon Rize sub polica observado. Krome, laŭ la verdikto, li ne rajtas ĝis la fino de sia vivo okupi ŝtatan postenon.

Konsiderinde pli „bone" ol li, estis traktita la eksa ĉefredaktoro de alia revuo „Ajdanlak"-Ajdogan Bjujukjozden, kontraŭ kiu estis iniciatitaj nur 91 proces-dosieroj. Laŭ la verdiktoj pri 26 el ili li devas resti en la malliberejo 36 jarojn. Tamen laŭ la proces-dosieroj ankoraŭ ne esploritaj far la juĝistaro, la prokuroroj insistas pri verdiktoj rezulte de kiuj la ĉefredaktoro devas esti malliberigita sume dum 80 ĝis 150 jaroj.

Tio estas nur du ekzemploj pri juĝprocesoj kontraŭ ĵurnalistoj pro publikaĵoj antaŭ la militpuĉo. Ekzistas sufiĉe da ekzemploj ankaŭ pri procesoj pro publikaĵoj dum la periodo post la puĉo. Eĉ momente estas juĝe persekutataj ĵurnalistoj de „Ĝumhuriet" mem, publikiginte tiujn faktojn. Tute freŝa estas ankaŭ la kazo pri la konfisko de du numeroj de revuo „Nokta", publikiginta la konfesojn de iu ekspolicisto pri la torturoj praktikataj al la arestitoj kaj malliberuloj en Turkio.

## KIAL MI NENIAM VERKIS LIBRON PRI ARKEOLOGIO EN ESPERANTO

Esperantistoj, kies tirkestoj estas plenaj de flaviĝintaj manuskriptoj, longe kolportitaj al diversaj eldonistoj, ofte amare plendas pri malfacilaĵoj rilate publikigon de verkoj en Esperantujo. Kelkfoje la aŭtoroj mem kulpas, ĉar iliaj verkoj valoras nenion. Ke kelkaj el tiaj fuŝaĵoj aperas sur la verda libromerkato, nur reliefigas la malkompetentecon de la koncernaj eldonejoj. Sed tio estas temo por alia eseo.

Kion, do, diri pri verkoj de fake kaj lingve kvalifikitaj esperantistoj, kiuj kapablas fari vere utilan kontribuaĵon per la uzo de Esperanto sur nova tereno? Ili ja meritas apogon kaj kuraĝigon, precipe se iliaj jam publikigitaj artikoloj kaj studaĵoj indikas, ke ili havas ion por diri kaj scias kiel diri tion. Bedaŭrinde, ankaŭ por talenthavaj verkistoj la vojo ne estas facila.

Lastatempe s-ro Pirlot el Belgio, kiu havas kutimon skribi leterojn al redakcioj de Esperantaj periodaĵoj, sendis al mi kopion de letero, kiun li adresis al la ĉefredaktoro de **Internacia Ĵurnalisto**; en ĝi li faris akuzon kontraŭ mi. (Estas nekompreneble, kial li ne skribis al mi rekte anstataŭ plendi al redaktoro, kiu komplezе aperigis unu el miaj artikoloj en sia gazeto). Jen la plendo de s-ro Pirlot:

„. . .mi ŝatas demandi s-ron Golden kial, ĝis nun li NE uzis E-on por profesiaj celoj, t.e. en arkeologiaj medioj; kial – kvankam li estas ege skribema – li neniam verkis libron pri arkeologio? "

Tie ĉi mi ne deziras polemiki kun s-ro Pirlot, sed simple informi lin pri la reala situacio rilate libroeldonadon en Esperantujo. Se li pli ofte legus revuojn en Esperanto anstataŭ skribadi leterojn al redakcoj, li konstatus, ke ekde 1975 fakartikoloj el mia plumo aperis en gravaj Esperantaj periodaĵoj kiel **Heroldo de Esperanto**, **Sennacieca Revuo**, **Sciencaj Komunikaĵoj**, **Monato kaj Dia Regno**, krome, verkoj pri arkeologiaj temoj estis publikigitaj ankaŭ en **Boletin** de la Hispana Esperanto-Federacio, **The Australian Esperantist**, **Esperantista Vegetarano** kaj **Lumturo**. Cetere, mi verkis studaĵojn pri terminologiaj problemoj en la arkeologio.

Plurfoje dum la pasinta jardeko mi proponis al eldonejoj la publikigon de libro pri arkeologio. Hungara Esperanto-Asocio jam delonge ĉesis respondi miajn leterojn; ankaŭ TK-Stafeto silentas; de UEA mi ricevis nean respondon. Sekve de tio, s-ro Pirlot neniel rajtas riproĉi min; mi ja provis, sed la eldonejoj rifuzis!

Nun mi deziras fari demandon al s-ro Pirlot. Kial li ne skribis al eldonejoj en Esperantujo por peti, ke estu publikigita ĝisdata libro pri la arkeologio? Kial li ne proponis ankaŭ, ke mi estu komisiita verki tiun libron? Se s-ro Pirlot faras tion kaj estas bonŝanca ricevi respondon de la eldonisto, plej verŝajne li estos informita, ke ĝuste nun mankas mono por tiu celo, aŭ la eldonejo jam havas sufiĉe da laboro por pluraj jaroj, aŭ estas eblo eldoni la koncernan libron, se la aŭtoro konsentas pagi la kostojn de kompostado, presado, bindado ktp.

Post dek jaroj da malsukcesaj provoj, mi fariĝis skeptika kaj alprenis realecan vidpunkton. Mi fosas mian sulkon (aŭ en la arkeologia kunteksto, mian tranĉeon), daŭre verkante fakartikolojn kaj okupiĝante pri kompilado de arkeologia terminaro en Esperanto. La celo de tiu agado ne estas amasigi materialon, kiu ŝimos en la tirkesto. Male, ĉio tio estas valora laboro, kiu portos fruktojn, ĉar relative mallongaj verkoj estas publikigeblaj en la Esperanta gazetaro..

Anstataŭ formuli pikantajn, sensencajn demandojn, mi konsilas al s-ro Pirlot cerbumi pri novaj, pozitivaj kaj praktike efektivigeblaj manieroj uzi Esperanton en fakaj medioj

**Bernard GOLDEN**

## LA BRITOJ LABORAS STRATEGIE

Antaŭ tri jaroj la Komisiono pri Publico kaj Eksteraj Rilatoj ĉe Esperanto-Asocio de Britujo (EAB), sub la gvidado de Brian Barker iniciatis Esperanto-Tagon. Oni elektis daton frue en septembro por trafi la atenton de la publiko je la komenco de la studojaro, kiam remalfermiĝas la vesperlernejoj.

Oni dissendis po du aparte preparitajn afiŝojn al la pli ol 300 lokaj reprezentantoj en Britio kiuj, en kunlaborado kun la multaj lokaj grupoj kaj individuaj Esperantistoj muntis ekspoziciojn en bankoj, butikoj kaj bibliotekoj. La senpaga perpoŝta kurso estis vaste uzata kaj reklamata. Brian Barker sendis gazetaran komunikon al naciaj kaj lokaj ĵurnaloj, radio-stacioj kaj televido. La rezulto de tia grandega kunlaborado estis, ke la amaskomunikiloj faris el tiu unua Esperanto-Tago, Esperanto-Semajnon pro la daŭra publicado. Do, la sekvantan jaron ni havis kaj Esperanto-Tagon, kaj Esperanto-Semajnon, dissendis novan afiŝon; kaj estis du komunikoj al amaskomunikiloj. Same okazis en 1985. Dumtempe la nombro kaj la laborado de lokaj reprezentantoj kreskis. La lokaj grupoj kaj individuaj Esperantistoj aktiviĝis, kuraĝigitaj de la bonegaj rezultoj rilate la publicon.

Grandan rolon en la laboro havas la longe establita Gazetara Servo de EAB, kies membroj tra la lando daŭre traktas la artikolojn, novaĵerojn kaj leterojn, kiuj aperas en la ĵurnaloj kaj magazinoj.

Estas pluraj gravaj punktoj por memori rilate publicon tian. La Komunikoj devas atingi la amaskomunikilojn je lundo, kiam la ĵurnalistoj serĉas novaĵon post la semajnfino. Devas esti bone pretigitaj homoj dise tra la lando por akcepti la petojn pri intervjuo en la radio, televido kaj ĵurnaloj. Tiuj homoj devas havi ĝisdatan, aktualan informon pri Esperantaj aferoj kaj tion traktas Brian Barker per perioda dissendo al la tuta membraro de novaĵo-informilo.

Fine mi emfazu, ke la plej grava afero, kiu certigas la sukceson de Esperanto-Tago/Esperanto-Semajno, estas la kunlaborado ĉe ĉiuj tra la lando, kaj tiu sukceso montriĝas ĉe ni en la pliiĝo de informpetoj ĉe la Esperanto-Centro, kiuj kreskis de 50 al 250 ĉiusemajne.

**Manjo AUSTIN**

**El «Esperanto aktuell»**

## GAZETOJ DE LA ESTONTECO

La fakuloj de la teĥnologia instituto en Masaĉusets (Massachusetts) Usono opinias, ke iu el la aplikoj de la hejmkomputeroj en la proksima estonteco estos la livero de elektrona tagĵurnalo hejmen. La abonantoj de tiu tagĵurnalo povos matene ricevi elektaĵon de artikoloj pri la interesaj por ili problemoj de la novaj gazetoj kaj ĵurnaloj. La titolojn kaj la komencajn liniojn oni povos vidi sur la ekrano. Kaj por aperigi tie la tutan tekston, estos necese nur tuŝi per fingro la elektitan titolon.

La fakuloj supozas, ke estonte elektronajn sistemojn oni komandos ne nur voĉe, sed ankaŭ per rigardo. Per specialaj okulvitroj la abonanto trarigardos kelkajn titolojn aperantajn samtempe sur granda ekrano. La muntitaj en la okulvitroj nombriloj registros la movon de la okuloj kaj la respektiva signalo eniros elektronan kalkulan aparaton. Sufiĉe estos, ke la rigardo fiksu pli longe iun el la titoloj kaj la ceteraj malaperos por resti sur la ekrano nur la interesa por la leganto artikolo.

**„FORTUNE" (Chicago),**

Esperantigis: **Veneta BALEVA**

# TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

## LA ANGLA LINGVO KONTRAŬAS ESPERANTON. DANĜERA FENOMENO

Sub la supra titolo KEG (Komuna E-gazeto), n-ro 4, aprilo 1986, en Nederlando aperanta, W.Krikke – prez. de KUNE* traktas la postmilitan fenomenon, ke „la tuta mondo parolas angle, oni aúdas fanfaroni". Ŝajnas nuntempe, ke la angla lingvo definitive venkis en la tutmonda lingvobatalo. Kiel notas KEG mem, oni parolas angle en Britio, Usono, Kanado, Aústralio kaj en iliaj eksaj kolonioj.

„Tamen ĉu tio estas certa? En la mondo ĉio konstante ŝanĝiĝas...". La aútoro notas prave„...Estas jam multaj diferencoj inter la lingvoj de Anglio, Skotlando, Kanado, la ŝtatoj de Usono, Aústralio ktp." KEG mencias, ke infanoj ne facile lernas lingvojn, ili estas jam tro okupitaj. La gazeto tamen ne insistas ekzemple pri la neceso nepre lerni paralele ankaú Esperanton kiel internacian. KEG prave skribas, ke oni ne povas rifuzi la studadon ĝenerale de angla. Sed ĝi rekomendas: „...ke ne ekzistas alia solvo por la ĉiam pli urĝa lingvoproblemo ol enkonduki ĉiun studadon de fremdaj lingvoj per la studado de Esperanto..."

Ĉu ni fine komprenu, ke ni instruu E-ton nur por ke pere de ĝi - oni instruu fremdajn lingvojn !

Alimaniere traktas tiun problemon „Internaciisto"-organo de KEG en Leoben, Aûstrio ( n-ro marto-aprilo 1986). En la artikolo „MEM kaj KEG" interalie, menciante iujn malbonajn eventojn en la „kapitalisma mondo", la gazeto notas „...semante rasismon, faŝismon, perforte altrudante al la popoloj vivmanieron, kulturon, inkluzive lingvojn de fortaj ŝtatoj (aludante Anglion) kaj kompreneble ĝi estas ligita al la forta premo de l' usona imperiismo , ĉi-foje sur la lingva sektoro. La enkonduko de ĝi (angla) en la bazajn lernejojn faras la situacion por Esperanto ne facila..." - konkludas „Internaciisto".

Do, la celo de la ĝenerala Esperanto-movado tutmonde estas labori obstine, agiti, propagandi, klarigi ktp. la neceson de Esperanto por la homaro kiel dua internacia facila lingvo post la naciaj lingvoj, labori kiel L.L.Zamenhof laboris.

*) KUNE – Kristana Unuiĝo de Nederlandaj Esperantistoj

## ESPERANTO EN PROFESIOJ

En n-ro 5/1986 de „Bulgara Esperantisto", sub ĝia nova rubriko „Esperanto en profesioj", ni legas sciigon de la redakcio, ke en malnova n-ro de „BE" oni rakontis pri la interesa iniciato de laboristoj-esperantistoj en Pan-produkta Uzino en u. Gabrovo. Per Esperanto-korespondado ili interŝanĝas profesian sperton kun siaj kolegoj el diversaj landoj kaj ke ili eĉ organizis muzeon de pan- kaj pastproduktado ĉe la entrepreno. Post tiu sciigo kolego Cv.Todorov rakontas pri unu samideano – sperta metallaboristo, kiu per Esperanto fariĝis sociaganto. Dank' al liaj iniciatoj la kombinuma E-societo „Metalurgo" komencis korespondadon kun siaj sammetiaj kolegoj en Hungario, GDR, Pollando, ĈSSR kaj Anglio. Kun ili oni ŝanĝas samprofesian sperton kun bona rezulto.

Tiuj laboristoj-esperantistoj donas bonegan ekzemplon kiel ankaú la ĵurnalistoj-esperantistoj el diversaj landoj povas kontaktiĝi inter si, kunlabori kaj interŝanĝi profesian sperton. Ili povas sendi informojn de siaj spertoj kaj rezultoj al „Internacia Ĵurnalisto". La pan- kaj metallaboristoj donis ekzemplon. „IĴ" atendas ĵurnalistajn ekzemplojn.

Ivan ESPEROV

LIBERA TRIBUNO

## RESPONDO AL GOLDEN

En „Internacia Ĵurnalisto" 3/1985, Bernard Golden atakas la agadon en Afriko. Senigante lian kritikon de tiu tono, mi resumas ĝin jene:

1. Li opinias ke la agado en Afriko ne havas sencon. Oni unue oficialigu Esperanton en eúropaj landoj kaj interŝtataj organizaĵoj, kaj tuj poste Afriko sekvos.

2. Li opinias ke ĝisnunaj klopodoj fiaskis, kaj ke informoj pri sukcesoj en Afriko estas blufo kaj trompo.

Al tio mi respondas:

1. Mi ne konsentas kun la prioritato kiun Golden deziras. Mi opinias ke Esperanto kiel lingvo de internacia kontakto konkurencos kun la lingvoj de grandpotencoj sukcese nur en tiuj medioj, kiuj komprenas ĝian signifon de neútrala faktoro en la lukto por hegemonio ĉiuterena. Bedaúrinde tre multaj homoj, almenaú en okcidenta Eúropo, ne konscias pri tio, kaj volonte adaptiĝas al la usona influo. Male, Afriko estas scenejo de iuj ribelaj movadoj kontraú la eksa koloniismo. Mi scias ke tiu rezisto ne estas ĝenerala kaj amasa, precipe ne en elitaj rondoj. Se mi tamen devas kompari la fekundecon de la politika grundo en Eúropo (almenaú okcidenta Eúropo) kun tiu en Afriko, mi taksas ĝin en Afriko pli bona ol en Eúropo.

Eble Golden ne konsentas pri mia opinio, ke la akcepto de Esperanto dependas precipe de ĝia signifo por individuaj homoj kiel kontraú-superrega faktoro. Tie ĉi ne estas la loko diskuti pri tio. En multaj raportoj kaj broŝuroj tiu rolo de Esperanto estas komentita, i.a. (en populara formo) en la broŝuro „Por la defendo de afrikaj kulturoj" kiun Golden tiel malŝatas.

2. Mi firme kaj honeste protestas kontraú la aserto de Golden, ke la agado, kiun mi faras depost 1980 kiel kunlaboranto de UEA en Afriko, estas fiaska, kaj ke miaj informoj pri ĝi estas blufoj, mensogoj kaj trompoj. Mi eble ne povas bone juĝi pri aliaj agadoj, en pli fruaj jaroj, aú fare de aliaj aktivuloj. Mi povas pruvi ke en mia agado la sukceso ne forestis. Ĝi estas esprimebla en ciferoj: nombroj de lernantoj (komencantoj kaj kursfinintoj), kluboj kaj asocioj. Sed ne forgesu ankaú la kvalitan aspekton: la valoron de la uzo de la lingvo. De kelkaj jaroj mi donis multan atenton, prioritate, al la ligoj inter afrikaj kaj aliaj esperantistoj. Tiuj rilatoj, unue simple korespondaj, povas kreski al pli riĉa, varia, valora enhavo por ambaú flankoj. Por ili mi uzas la epiteton: „ ĝemelaj rilatoj". Volonte mi uzos ankaú la kvanton kaj kvaliton de tiuj ĝemelaj rilatoj kiel kriterion de la sukceso. Kompreneble mi konsentas, ke ne ĉio ĉiam sukcesas. Pri tio mi foje raportis en artikoloj kaj Golden svingas ilin kvazaú pruvon ke nur estas malsukcesoj. En kiu lando de la mondo kaj en kiu socia tereno ni agas nur sukcese? ? Tute aparte Golden atakas la elspezadon de mono por tiu ĉi agado. Al tio mi respondas:

a. La mono en la fondaĵo Azio-Afriko de UEA estas donacita kun eksplicita destino por tiu ĉi agado. UEA ne elspezas monon por Afriko, kiun ĝi devus forpreni el aliaj buĝetoj. Do ne temas pri prefero, pri elekto: mono uzebla ĉu por Afriko, ĉu por (ekzemple) lingvaj esploroj. Esperantistoj kontribuas multe al la Fondaĵo Azio-Afriko simple, ĉar ĝi servas utilan kaj valoran agadon. Efektive oni de-

vas supozi, ke tiu Fondaĵo devos ankoraŭ tre longe funkcii. Afriko estas tro malriĉa kontinento por ke ĝi pagu sian Esperanto-movadon mem. Tiel UEA devos kontribui sian „ evoluhelpon" dum ankoraŭ longa tempo.

b. Per relative malmulta mono, oni faras grandegan laboron. Verŝajne en malmultaj aliaj terenoj la efikeco de la agado estas tiel alta.

H.BAKKER

## AL ORGANIZA STABILIĜO KAJ AKTIVIĜO

La 17-an de majo k.j. en Sofio okazis raport-elekta konferenco de ĵurnalista sekcio ĉe Bulgara Esperantista Asocio. Partoprenis esperantistoj-ĵurnalistoj el Sofio, Ruse, Loveĉ, Veliko Târnovo, Jambol, Gabrovo k.a. La konferenco trapasis laŭ la jena tagordo: 1. Priagada raporto – Ivan Keremidĉiev-Esperov; 2. Projekto-plano por laboro de la ĵurnalista sekcio dum 1986-1987 – Dimitâr Kalĉev; 3. Elekto de nova estraro de la ĵurnalista sekcio ĉe BEA – Ĥristo Gorov.

En la priagada raporto Iv.Esperov emfazis la neceson de aktiva kaj altkvalita ĵurnalista poresperanta laboro. Li alvokis al pli vigla kontribuado per materialoj kaj artikoloj pri E-aktivecoj al la bulgarlingvaj amaskomunikiloj. Oni regule sendu ankaŭ kontribuaĵojn al eksterlandaj E-revuoj kaj gazetoj por popularigi la E-agadon en Bulgario. Ĉiuj Esperantaj ĵurnalistoj kaj kunlaborantoj devas senĉese altigi sian lingvan kaj fakan kvalifikon en kursoj kaj seminarioj. Plue la raportanto parolis pri la rolo de la loka gazetaro – oni turnu pli da atento al la murgazetoj en la klubejoj de E-societoj kaj sociaj organizaĵoj.

Esperov menciis ankaŭ la aktivadon de bulgaraj ĵurnalistoj-esperantistoj en TEĴA kaj ties organo „Internacia Ĵurnalisto", kiu aperas en Bulgario. Oni devas krei pli firmajn ligojn kun la kolegoj el la okcidentaj kaj nealiancitaj landoj, varbi ilin al TEĴA-membrado kaj aktiva kontribuado al gazeto „Internacia Ĵurnalisto".

Dimitâr Kalĉev laŭtlegis projekto-planon por laboro de la ĵurnalista sekcio dum 1986-1987. Ĉefaj celoj en la agado de la sekcio estos: aktivigo, vastigo de la membraro kaj organiza firmigo; pridiskuto de la projekto-statuto de TEĴA; disvolvo de idea-politika kaj kleriga laboro per popularigo de la socialisma vivmaniero en nia lando kaj pacbatalo de la bulgara popolo.

Estos kreita biblioteko de la membroj de la ĵurnalista sekcio. Oni fiksos regulajn kontribuantoj al la bulgara kaj eksterlanda Esperanta kaj nacilingva gazetaro. Estos organizita kvintaga seminario de kunlaborantoj en la bulgarlingva kaj Esperanta gazetaro pri problemoj de E-to laŭ anticipe elektita temaro, kun partopreno de estraranoj de Centra Estraro de BEA, de Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj k.a. Ĵurnalistoj-esperantistoj partoprenos en organizado kaj realigado de „parolantaj gazetoj", uzante interesajn kino-, foto- kja magnetofonregistraĵojn, ĉefe ĉe propagandaj aranĝoj antaŭ neesperantista publiko. Estos realigita kunlaboro en la lokaj radio-disaŭdigoj en bulgara lingvo kaj E-to pri la Internacia Lingvo kaj Esperanta movado.La projekto-planon oni pridiskutis kaj akceptis senŝanĝe.

Ĥristo Gorov, prezidanto de Centra Estraro de BEA, proponis jenan konsiston de nova estraro de la ĵurnalista sekcio ĉe BEA: prezidanto – Ivan Keremidĉiev-Esperov, vicprezidanto – Nikola Aleksiev, sekretario – Dimitâr Kalĉev, membroj – Stojko Danĉev, Slavĉo Davidov, Veneta Baleva, Evgeni Georgiev.

E.GEORGIEV

## TRA BELA, PITORESKA KAJ ANTIKVA ITALIO

**(Vojaĝimpresoj)**

*(Daŭrigo)*

Kaj sekva vojaĝo al la mirakla vidindaĵ-urbo Pisa, mondkonata pro sia kliniĝinta 55-metra turo. Pisa estas antikva greka urbo ĉe rivero Arno, regata de etruskoj, rivelanta al la potencaj tiam respublikoj Genevo, Venecio, Amalfo kaj en 1284 Viskonti vendis ĝin al la florencanoj. En 1860 ĝi estis aneksita de la reĝlando Italio. Centoj da turistoj rigardas kaj fotas antaŭ la miraklo de Pisa - la turo konstruita en 1174 de la fama Bonano Pisano kiel sonorilturo de la apuda rimarkinda katedralo. La turo kliniĝas ĉiujare per 1 mm. Multaj mondfamaj sciencistoj, eĉ Unesko zorgas por savi ĝin de ruiniĝo kaj la belan Venecion - de subakviĝo. Kune kun la turista amasego ni eniras la katedralon „Kampo de mirakloj" por vidi la verkojn de Gimbuo kaj Gaddalio, la pentraĵojn „Sankta Agneso" de Andreo del Sarto, la „Dipatrino kun infano" de Ant. Solivajo, la grandan bronzan pordegon de R.Pisano k.a. Tre interesa estas ankaŭ la Baptejo. En la renesanca epoko, iom revolucia, laboris, konstruis kaj instruis famaj arkitektoj, pentristoj, fizikistoj, skulptistoj. Inter ili elstaras la genia Galileo Galilei, naskiĝinta tie ĉi. Jam 25-jaraĝa la fizikisto kaj matematikisto estiĝis profesoro. Li havis la kuraĝon kontraŭdiri al Aristotelo kaj al la papoj asertante kaj pruvante per diverspezaj ŝtonoj, ke la objektoj falas teren senkonsidere de ilia pezeco. Li subtenis Kopernikon, ke la suno estas senmova ktp. Pro tio estis severe persekutata kaj punita de la reakciaj papoj kaj jezuitoj.

Kaj post Pisa ni ekiris suden laŭ la marbordo kaj atingis Romon - ja ĉiuj vojoj gvidas al Romo. Fine ni eniris en la eteman urbon, la ĉefurbon de Italio. Ni atingis la loĝejon de Emila familio, kie ni restis tutan semajnon.



*Roma forumo*

Oni skribis multon pri Romo, rakontis plurajn legendojn pri ĝia fondiĝo, pri Eneo, filo de Venera, pri la du nepoj - Remo kaj Romulo - la du fondintoj de Romo, kiujn kiel bebojn mamnutris la legenda lupino, kies antikvan etruskan skulptaĵojn ni vidis kaj kiu fariĝis la blazono de la urbo, kies nomo estas la nomo de unu el la infanoj. Piede aŭ per aŭto nin gvidis Emil ĉirkaŭ la sep montetoj,sur kiuj etendiĝas la antikva urbo. Sur la monteto Kapitolo estas konstruita la Jova templo kaj la Citadelo. Ni vidis la statuon de Mark Aŭrelio, romana imperiestro kaj filozofo (121-180) ,verko de genia Michel Anĝelo. Tie ĉi estas ankaŭ la lupino kun la nepoj. Poste ni vizitis restaĵojn de antikvaj urbaj forumoj, arkoj, kolonoj, temploj, teatroj. Ni eniris en la ruinigitan parte Koliseon,roma amfiteatro—iam luksa konstruaĵo, kolektanta 50 mil, aŭ 80 mil spektantojn, kiuj rigardis terurajn sangavidajn spektaklojn. Nur tiajn spektaklojn anstataŭ

bonan vivon ricevadis la simpla plebo-klaso. Tie ĉi naskiĝis la ribelo en la animoj de la sklavo Spartako kaj liaj sambatalantoj. En la Panteono ni vidis la tombojn de reĝoj kaj la sarkofagon de alia genio de Italio - Rafaelo. Jen la plej bela roma palaco „Venecio" kun la granda monumento de Viktor Emanuelo kaj la tombo de la nekonata soldato, la impona kolonado de Trajano, la forumo de J.Cezaro, kie li paroladis. Ni promenis en la fama parko Burgeze, konstruita laŭ ordono de Napoleono I por sia fratino. Ankaŭ la buĉisto Ĥitler provis konkeri kaj engluti la tutan mondon kiel la franca invadinto kaj rompis siajn dentojn en Sovetunio.

Neforgeseblaj sentoj de digneco kaj patriotismo obsedis niajn animojn kaj korojn kiam ni vizitis la malgrandan preĝejon „San Klemente". Tie, en la profundaj subtera kripto kaj mallumaj katakomboj estas enterigita nia bulgara sanktulo Cirilo Konstantino-filozofo, frato de Metodij. Ili verkis la slavan alfabeton kaj venkis la trilingvan kanonon,ke la popoloj devas paroli kaj skribi nur grekan, hebrean aŭ latinan lingvojn. Ni metis apud la sarkofago freŝajn florojn kaj per kelkminuta silento estimis la gloron de l'filozofo.

Ni gastis ankaŭ al la alia malgranda ŝtato en Italio – la Vatikano kun ĝiaj mirindaj katedralo „San Pietro", la vatikana muzeo. la „Sikstina kapelo. la granda biblioteko. En ili oni vidas centojn da trezoraĵoj – bildoj, portretoj, pentraĵoj, skulptaĵoj de plej famaj pentristoj, skulptistoj, arkitektoj kiel Rafaela, Mickel Anĝelo, Leonardo, Bramano, Roselino k.a. Oni diras,ke kiu ne povus vidi la papon, nepre devus vidi la trezoraĵojn .Feliĉe, ni estas bonŝancaj, ni vidis ankaŭ la vunditan de la turka neofaŝisto-teroristo papon Johano Paŭlo la Dua dum tiu aprila tago sur la placo antaŭ la katedralo „San Pietro"okazis ia meso de la papo. Nia 5-membra grupo ekiris proksimiĝi al la ceremonio por vidi kio okazas. Sed tio



*La katedralo kaj placo „San Pietro"*

ne eblis tra la centoj da spektantoj. Unue vico da policanoj traserĉis niajn vestojn permane kaj aparate por trovi armilon. Oni malfermis ankaŭ la tekojn de la virinoj. Sed de 40 metroj ni vidis kaj aŭskultis la voĉon de la parolanto. Post la liturgio li supreniris al la 4a etaĝo de najbara domo. Tie malantaŭ fervitra fenestro staris la papo benanta la ĉeestantaron sur la placo.

La teroristo Ali Aĝĝa - Jezuo Kristo, kiel li prezentis sin dum la juĝproceso kontraŭ la senkulpa Sergej Antonov – bulgara oficisto en Romo, incitita kaj instrukciita de sekretaj servoj okcidentaj kalumniis Antonov kaj ankoraŭ du bulgarajn oficistojn en Romo kiel organizantojn de la atenco kontraŭ la papo. La tuta mondo komprenis, ke Antonov, restinta preskaŭ 4 jarojn en itala prizono, estas senkulpa. Eĉ la prokuroro kaj la tribunalo komprenis tion, ĉar la verdikto praviĝis la juĝatojn „pro manko de pruvoj" kaj finfine Antonov revenis libera en sian patrolandon.

Post la riĉega je vojaĝimpresoj ekskurso tra la bela kaj nepre vizitinda lando de la bonaj, gajaj, kantemaj kaj laboremaj italoj, mi kaj mia edzino, akompanitaj ĝis la roma stacidomo de Emil, Rosi kaj la petolema Saŝko, post ĉirkaŭbrakoj kaj kisoj, ekveturis per vagonaro al nia ĉarma patrolando.

**Ivan ESPEROV**



Viktor TEREN

### REMEMORO PRI LA MILITO

/Fragmento/

*Vespere el post la river' –*
*ankoraŭ foraj, senbruaj –*
*flugadas la altaj ekflamoj ...*

*...Multopa pafad' – la memoro.*
*Ekflamoj sur la blankaj muroj.*
*La vilaĝa forlasita hospitalo.*
*La ektimigita akuŝantino.*
*Hurlado de l'obusoj.*
*Kaj – la knabeto novnaskita.*

*Dum la unuaj tagoj*
*li ja nenion komprenis,*
*sed jam duonfermadis okuletojn,*
*kiam blindigaj makuloj*
*traflugadis antaŭ li.*

*Kaj nek sunleporetoj,*
*nek blua noktlampet' super lulil', –*
*estis tio la rebriloj de l' kruela bombad"...*

*Tiam alkuris la flegistino,*
*kovris sin kaj la novnaskiton,*
*kaj en tiu tendeto, en la varma mikro-*
*mondo, ĉe la keno,*
*ŝi bandaĝis lin, viŝis zorgeme,*
*kaj vindis lin per kovrileto,*
*kiu iĝis mia lulilo*
*dum longaj du semajnoj de la fuĝo...*

### VORTOJ DE LA PACO

/Fragmento/

*...Primavere la lernantoj*
*per kalko blankigas la arbojn*
*kaj laŭlonge de l'aleo*
*el la verda herbaĵo*
*ili ordigas*
*la kreskantajn vortojn:*

*„ESTU ĈIAM LA PACO" ...*
*Kaj la homoj esperas je ĉi vortoj,*
*kredas ilin.*

*KAJ ĜUSTE TIAL, KE ILI REALIĜAS,*
*ĉiujare je l'novnaskitaj infanetoj*
*pleniĝas la infanĝardenoj.*

*Fikse observadas ĉion*
*la eksterlandaj turistoj*
*tra malkonfidemaj okulvitroj.*

*la infanoj blankigas printempajn arbojn*
*kaj el la traktoraj hangaroj*
*elveturadas la gajaj semiloj,*
*plenplenaj de l'grajnar' ...*

El la ukraina lingvo
esperantigis
**Nadia ANDRIANOVA**

## LETEROJ AL LA REDAKCIO

Karaj kamaradoj kaj samideanoj,

Pasis jam longa tempo, de kiam mi eksciis el „Internacia Ĵurnalisto" n-ro 3, 1985 ke Vi afable akceptis min en TEĴA. Necesis skribi al Vi pli frue, sed mi estis tro okupata. Mi havis tre grandan korespondadon - ĉiutage ricevas kaj skribas kelke da leteroj.

Kiel mi jam skribis en la enketo, mi estas invalido, kaj pro la sanstato ne laboras. Sed hejme mi ĉiam memstare laboras, ĉefe sur tereno de Esperanto. N.F. Danovskij estas mia bona amiko. En n-ro 3 Vi mencias ĵurnaleton „Amikeco" – lastatempe mi kompiladis ĝin; mi redaktis kaj tajpis numerojn 52-55, ili jam antaúlonge aperis; se Vi deziras ricevi ilin, skribu al Angele Judickiene ( 232044, Vilnius, a.d.871).

En 1983 fondiĝis Internacia Asocio de Handikapitaj Esperantistoj, kaj ĝia sekretario s-ro Adnadj proponis al mi esti vicprezidanto. Nu, kunlaboro kun IAHE ne estis tro fruktodona, ĉar leteroj tien-reen iras tro longe. Sed ĉi tie, enlande mi ekagis aktive. Mi ekintencis kolekti ĉiujn invalidojn-esperantistojn kaj unuigi ilin en korespondan rondeton, por kune agadi kaj bonuzi Esperanton. Mi komencis eldoni tajpan dupaĝan gazeteton. Komence ĝi estis en du versioj – rusa kaj Esperanta (por komencantoj kaj aparte por spertuloj), nun miaj gazetetoj (ili nomiĝas „amikleteroj") estas dulingvaj, t.e. ili povas esti interesaj por ĉiuj. En ili mi skribas ĉiujn novaĵojn, utilajn informojn, anoncojn, adresojn ktp.Ekzistas poezia kaj lingva rubrikoj. Jam aperis dudek numeroj. Kaj dank' al ili kolektiĝis en nia „Konkordo" jam pli ol 50 invalidoj – komencantaj kaj spertaj esperantistoj. Nun mi proponas al ASE, ke oni akceptu nin kiel ordinaran klubon.

Tiamaniere oni povas nomi min ĵurnalisto, kvankam formale mi ne havas tiun profesion. Akceptite en Via Asocio, mi pensos, kiel mi povos esti utila al ĝi. Bonvolu aperigi jam nun mian informon pri nia rondeto. Dank'al Via helpo scio pri ĝi plivastiĝos, kaj eble ni akiros novajn amikojn en- kaj eksterlande.

Fine – pri la familio: ni vivas kvarope – mia panjo, mia edzino Larisa (ankaú esperantistino, tute sana), mi kaj nia unujara fileto Petro. Ni vivas tre feliĉe.

Nun mi finas, esperante pri longa kaj sukcesa kunlaboro. Sanon, feliĉon kaj sukcesojn al Vi ĉiuj en Via senlaca nobla agado!

Sincere via

**N.GRIŜIN**

* * *

Estimata ĉefredaktoro Keremidĉiev,

Dankon pro la sendita 1-a n-ro ĉi-jara de via grava organo Internacia Ĵurnalisto Traleginte ĝin evidentiĝas la videbla evoluo ekstera kaj interna. Bone elektitaj, altnivelaj artikoloj aperas en tiu ĉi n-ro. Sinceran gratulon!

Dankon pro la materialo aperigita sur p.9 pri „BI". Kaj specialan dankon pro la redaktora respondo al mi. Mi ripetas liston de tiuj lastjaraj n-roj, kiuj vere tre mankas al mi.

**d-ro Árpád MÁTHÉ,**
**redaktoro de „BI"**

Estimata samideano,

Miajn plej sincerajn gratulojn okaze de via distingo per la ŝtata ordeno „P.R.B" Ia grado.

Koran dankon pro la aperigo en „IĴ" (1/1986) de mia respondo al S-ro B.Golden pri „Eo en Afriko" (intertempe li jam reagis post ricevo de kopio de mia letero al „IĴ") kaj pro via laúdenda artikolo pri mia rubriko „Kion ŝanĝi? Kion konservi? "

Ĉi-kune mi aldonas du aliajn, sed se tio povus helpi, mi pretas sendi al vi fotokopion de la 77, kiuj ĝis nun aperis en „La Dernière Heure". Ilin rajtus traduki TEĴA-anoj, kiuj scipovas la francan, por aperigi alilingve en gazetoj kaj revuoj. Tamen, endus ĝisdatigi plurajn por doni al la legontoj plej freŝdatajn informojn.

Laú mi, plej grava artikolo en la lasta numero de „IĴ" estas tiu titolita „Nova ŝanco por terminologio"; bonegaj, fidindaj, kompletaj E-terminologioj pri plej diversaj fakoj nepras por fake, serioze, profesie agadi PER Eo. Mi nur esperas, ke la kunlaborantoj strebos – kaj sukcesos – pripensi tiun gravegan laboron internacie kaj ne nur eúrope, eĉ nacie, ke ili kapablos forgesi sian lingvan esprimmanieron (ekz. komputero-komputoro) por pritrakti la problemojn laú E-menso (ekz. komputilo).

Tiun „IĴ"-numeron mi jam transsendis al ĉina kolego ĉar mi opinias, ke E-gazetoj ne senutile kuŝu sur iu breto, ke informoj ade rondiru por ne morti!

Kolege via,

**Germain PIRLOT**

## „IĴ" RESPONDAS:

Kolego Pirlot, dankon pro via afabla letero kaj gratulo! Ni akceptas vian proponon, kiu estas valora kaj imitinda. Sed ni opinias, ke pli bone kaj rezultodone estus, se vi sendos al ni la 77 titolojn de viaj artikoloj kaj estonte de aliaj viaj artikoloj. Ni aperigos la titolojn en „Internacia Ĵurnalisto" kun konvena klarigo, ke ĉiu membro de TEĴA povus elekti el la titolnomaro la artikolojn, kiuj interesas lin kaj poste li povas mendi la elektitajn artikolojn rekte ĉe vi.

Kolegece salutas vin la redakcio de „IĴ"

* * *

Karaj kolegoj, redakcianoj!

Mi konstatas kun ĝojo ke nia „IĴ" grave pliboniĝis. Akceptu mian sinceran gratulon! Supozeble mi ŝuldas pagojn por kotizoj /abonoj/. Bv. sciigi al mi, kiel statas mia konto, por ke mi povu reguligi miajn ŝuldojn.

Nuntempe mi ne multe laboras profesie (pensiulo), sed de tempo al tempo mi skribas artikolojn, ankaú en Esperanto-revuoj. En miaj aktivaj jaroj mi i.a. estis redaktoro de interna revuo de unu el la fabrikoj (motorfabriko) de la Volvo-konzerno. Ĝi aperis ĉiun duan semajnon de la jaro (26 numeroj pojare, ofte kun 5-7 ekstranumeroj).

**Lennart ABERG**

---

## EKSPOZICIO DE KOLEKTAĴOJ

Okaze de la 100-jara jubileo de Esperanto en 1987 en Sofio okazos Ekspozicio de kolektaĵoj en tri sekcioj:

1. D-ro L.L. Zamenhof sur bildkartoj.
2. Bildkartoj kun surskriboj en Esperanto.
3. Kongresaj urboj, kie okazis UK de Esperanto(bildkartoj prefere el la koncerna kongresjaro).

Ĉiuj esperantistoj el tutmondo estas petataj kontribui al la ekspozicio, disponigante konvenajn eksponajojn. Rekompenco garantiata. Ĉion bonvolu sendi al: **Georgi Litov, Ĥipodruma 34-A, BG-1612 SOFIO, Bulgario.**

# Ricevitaj esperantaĵoj

– **Bulgara nuntempa poezio kaj prozo – Antologio,** eldonis la ŝtata Sofia-Pres, kompilinto Ĥristo Gorov, pentristo Vl. Velkov. Enhavas poeziaĵojn de revoluciaj poetoj, pereintaj en batalo por libereco kaj de nuntempaj poetoj, kaj novan bulgaran prozon de nuntempaj verkistoj. Nikola Aleksiev – E-veterano, kunredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" en sia artikolo (anstataŭ antaŭparolo) skribas pri la antaŭaj eldonoj de tradukitaj poezio kaj prozo kaj pri la antologio Nuntempa poezio kaj prozo. Luksa eldonaĵo sur 236 paĝoj, tradukis la versaĵojn kaj la prozaĵojn elstaraj bulgaraj esperantistoj. La nuna antologio estas rekomendinda por ĉiu E-biblioteko kaj speciale de fremdlandaj esperantistoj.

– **Deklaro de Ĝenerala Sekretario de CK de KPSU Miĥ.Gorbaĉov de 15.I.1986 pri tre gravaj decidoj kaj proponoj por liberigo de la tero de la nuklea armilaro dum la proksimaj 15 jaroj.** – Broŝuro 14-paĝa, eldono de „Novosti".

– **Sur la vojstreko Ho Chi Minh** – kolekto de memoraĵoj, rakontoj, noveloj, artikoloj ktp. de diversaj aŭtoroj, adaptaj tradukoj en E-ton de Ng Minh Kinh. D.Ding Dam, T.Dang Khoa, H.Minh Thai kaj N.Nhu Thu. Lingva revizio de Dao Anh Kha kaj Nguyen Mnu Thu. Paĝoj 240. Fremdlingva eldonejo-Hanoj, 1984.

– **Vjetnamio-Sovetio – longdistancaj sed proksimaj.** – Kolekto de artikoloj ktp., adapte tradukitaj de preskaŭ la samaj e-stoj. 152 paĝoj, eldono en Hanoj, 1982.

– **Invito al departamento kaj urbo Székesfehérvár kaj lago Valenceitò.** Pitoreska feriejo por ripozo, fiŝkaptado ktp. En Esperanto kaj hungara lingvoj, 30-paĝa prospekto. Eldonas kaj invitas: Albatours. Székesfehérvár H-8000 Hungario.

# el nia leterkesto

– **N.Danovskij, USSR** kaj **B.Golden, Hungario.** – Viaj leteroj kaj artikoloj ricevitaj sinsekve kaj aperas. Ni ekspedas ĉiam po du ekz. de „IĴ", kiam estas via kontribuaĵo en la numero. Aparte ni respondos al vi perletere. La adreso de B. G. korektita.

– **Br.Ĉupin, USSR** – Vi jam estas membro de TEĴA kaj ni regule sendas „IĴ" al vi. Dankon pri la gratuloj.

– **L.Aberg, Svedio** – Kompreneble, la poŝto kulpas. Ni sendas al vi denove la numeron de „IĴ". Ni petas pardonon, atendante de Vi ian kontribuaĵon.

– **J. Lamaĉka, ĈSSR** – Ni aperigas vian leteron. Nia telefono bone funkcias. Sed, bedaŭrinde, ni tiam forestis longan tempon. Via kaj nia adresoj jam korektitaj. Dankon kaj saluton.

– **Rakiĉ Najdan, Jugoslavio** – Dankon pro la letero, la salutoj kaj promesoj pri kunlaborado. Ni ricevus ankaŭ prozaĵojn kaj poeziaĵojn. J.Zmaj estas konata al ni. Ni atendas kontribuaĵojn, anticipe dankante. Sed la „reformojn de Esperanto" - ne. Ankaŭ vi jam estas membro de TEĴA.